# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Novembro 1991 | maandblad | 62-a jaro, n-ro 11 (1037)

* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem *

# PUĈO EN MOSKVO

de Nikolao GUDSKOV - Moskvo

### Kaŭzoj kaj rezultoj

La 19-an de aŭgusto mi vekiĝis malfrue, je la 8-a kaj duono, ĉar nenien mi devis iri matene. Mi ĝuste matenmanĝis kiam telefonis al mi Maria, la sekretario de nia (verdula) partia organizo. Mi atendis tion, ĉar ni devis interkonsenti pri kelkaj detaloj de la proksima kunveno. Aŭdinte ŝin, mi komencis paroli pri la temo kiam ŝi interrompis min: "Ĉi tio ne gravas! La ŝtata renverso! Aŭskultu la radion!. Mi enŝaltis la ricevilon kaj tuj ekaŭdis la informojn kiuj frostigis la sangon. Tuj komenciĝis telefonaj interkonsentoj pri la agoj. Estis planita renkontiĝo de nia partia grupo kune kun kelkaj parencaj partiaj kaj politikaj grupoj (socialistoj, anarkiistoj). La paroloj estis maltrankvilaj, la etoso - angora. Ŝvebis timigaj onidiroj...

Sed, jam post horo kaj duono mi ricevis la unuan trankviligan signalon, kiam al mi telefonis mia amiko esperantisto el Helsinko: "Kio okazas ĉe vi"? Mi respondis: "Mi scias ne pli ol vi, sed, ĉar la internacia telefono funkcias, eble ne estas io tro serioza!".



*Unuaj tankoj en Moskvo la 19-an de aŭgusto 1991.*

Kaj vere. Posttagmeze ni kolektiĝis en la centro. Sur stratoj staris tankoj kaj kirasaŭtoj kun funkciantaj motoroj. La Moskvan konsilion ĉirkaŭis la ĉeno de soldatoj kiuj enlasis internen nur la deputitojn (tamen ja enlasis!), sed la soldatoj kaj oficiroj estis iom ĝenitaj, tute ne agresemaj. Kelkaj volonte, aliaj malvolonte parolis kun la homoj, agitantaj ilin ne pafi kontraŭ la popolo... Por plifortigi la agitadon, belaj knabinoj disdonadis al soldatoj cigaredojn kaj sandviĉojn. Ankaŭ nia Maria tion faris. Ni elspezis por tio monon el la partia kaso. Sur placoj foje iuj eĉ grimpis sur tankojn, pasadis la spontaneaj mitingoj. Neniu tion malhelpis. Je la 16h30 plimulto de soldatoj kaj militmaŝinoj subite forlasis la stratojn. La popolo ĝenerale ne aspektis timigita. Multaj promenis kun diantoj en butontruoj. La etoso pli similis iun strangan feston, karnavalon ol la puĉon.

Niaj maldekstraj politikaj grupoj akceptis komunan rezolucion, kiun ni sukcesis, kvankam ne multkvante, multobligi. Poste ni iris diversflanken; iu al la ĉefaj placoj, al la mitingoj, iu al la Blanka domo (la Ruslanda parlamentejo), kien vokis la ruslanda prezidento Boris Jelcin, kiu malgraŭ la komencaj onidiroj estis viva, libera kaj eldonanta ordonojn kontraŭ puĉistoj. En la vespera televida programo oni, krom la stultaĵoj de la puĉistoj montris ankaŭ la verajn bildojn, inkluzive la konstruadon de barikadoj ĉirkaŭ la Blanka domo, dank'al kio multaj tien venis.

La sekvan tagon ĉio daŭris fakte same. La informado el la Blanka domo, kvankam kun seriozaj malfacilaĵoj, sukcesis atingi ĉiujn, kaj pro limigiteco aspektis speciale fidinda. Ankaŭ esperantistoj kunvenis kaj decidis (tio estis komuna opinio), ke ĉio estas por ne tro longa tempo - minimume por semajno, maksimume por du aŭ tri monatoj. Pli longe neniu eksterordinara aŭ milita stato eltenos. Des pli ke ĉiujn mirigis la strangeco de la renverso: preskaŭ neniu estis arestita, la telefonoj funkciis, la armeo ja staris en la urbo sed neniel agis, la Moskva konsilio kaj la Ruslanda parlamento funkciis... Ankaŭ esperantistoj, iuj post la kunsido kaj aliaj memstare venis al la barikadoj.

Dum la tuta 20-a de aŭgusto el la Blanka domo iris informoj, ke oni preparas la sturmon de la parlamentejo. Tiuj informoj estis - kiel multaj aliaj - falsaj. Neniu sturmo okazis (pri la kaŭzoj oni scias nenion definitivan), sed la amaso de defendantoj estis pro tio sufiĉe ekscitita kaj fine - rezulte de tiu ekscitiĝo - okazis la sanga incidento en kiu pereis tri homoj. Nokte tra la strato pasis kelkaj tankoj. La strato estis barita per la trolebusoj. La tankoj eliris el la trafika tunelo kaj ne povis facile reveni aŭ iri plu. Pro miskompreno de la intencoj de la tankoj, kaj varmigita pro antaŭa preparado (kelkaj ankaŭ pro al-

(daŭrigo paĝo 98)

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO ! LANTI

## *El la redaktejo*

*Karaj gekamaradoj,*

*kiel vi povas konstati, tiu ĉi numero de Sennaciulo estas nur ok - paĝa pro financaj problemoj kiujn renkontas nia Asocio (vidu nian alvokon en tiu ĉi numero). En ĝi vi povas trovi ĉefe la duan parton de la Kongresa protokolo kaj kelkajn artikoletojn.*

*Bedaŭrinde, pro tiu kialo, multaj interesaj artikoloj devas atendi sian aperon. En tiu ĉi numero ankaŭ mankas nia "SAT-Erinaco" (pri kio kelkaj el vi estos kontentaj, ĉar ne ŝatas ĝin).*

*La aperigon de tiu ĉi novembra Sennaciulo ni povas ĉefe danki al unu kamarado, kiu per tre larĝanima donaco ebligis ĝian aperon. Dankon al li. Espereble ankaŭ la aliaj sekvos lian ekzemplon (kompreneble, tiuj kiuj povas).*

*Estas tre probable ke ankaŭ la decembra numero estos nur 8-paĝa pro samaj kialoj. Poste ni esperas povi denove aperigi 12-paĝajn numerojn.*

*Esperante vian komprenemon kaj laŭeble financan subtenon, ni plej kamaradece salutas vin.*

*Via redaktoro*

*PAGU TUJ VIAN KOTIZON !*

Asocia sidejo de S.A.T.,administrejo kaj redaktejo:
67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel: (1)47.97.87.05
Oficejo malfermita: lunde 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo:9h30-16h30.
Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata telefona registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta komitato.
Ĉefredaktoro: Kreŝimir Barkoviĉ.
Ekspedejo de Sennaciulo: W. Quispel, Dennendaal 64, NL-3075 ZC Rotterdam.
Poŝtkonto je nomo:Admin.Sennaciulo n° 668.651 Rotterdam.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.
Presita ĉe: Grafisch Bedrijf Tuijtel B.V., Hardinxveld Giessendam,Nederl ando.
Aperas monate.

## PUĈO EN MOSKVO

daŭrigo

koholo), la senarmilaj homoj kunpuŝiĝis kun la tankoj...

La sekvan tagon ĉio iom post iom trankviliĝis. Revenis Gorbaĉov, komenciĝis en la dua duono de la tago normalaj televidaj kaj radioprogramoj. Vespere oni eĉ komencis malkonstrui la barikadojn, kvankam la nokta deĵoro ĉirkaŭ la Blanka domo okazis ankaŭ en tiu nokto. Fine la puĉistoj estis arestitaj kaj Jelcin komencis doni ordonojn, kiuj malaperigis la komunistan partion, plifortigis lian potencon. Ke kelkaj liaj ordonoj en tiuj tagoj estis strikte kontraŭdemokratiaj, neniu rimarkis. Ja, la demokratiaj fortoj venkis kaj la fiaj komunistaj faŝismemaj puĉistoj malgajnis! (kvankam kelkaj ordonoj de Jelcin en la unua momento estis pli kontraŭkonstituciaj ol la unuaj ordonoj de puĉistoj...).

Samtempe rapide komenciĝis la disfalo de la Imperio. La kamaradoj el al Okcidenta Eŭropo, kiuj nur antaŭ du semajnoj ne povis min kompreni kiam mi diris, ke mi venas el Ruslando - ja tiu lando reale ekzistas, sed ne el iu finpuntriĝinta Sovetunio, nun devas konsenti. Sovetunio ne plu ekzistas. Ja eĉ ĝia registaro jam agnoskis multajn el la liberiĝintaj naciaj respublikoj kiel sendependajn landojn, kaj espereble ĝi agnoskos ankaŭ ĉiujn aliajn. Sendube tio estas la pozitiva rezulto, kiu sen la puĉo daŭrus multe pli longe, kaj malfacile. Kiun tamen danki? Ĉu puĉistojn aŭ la popolon kiu defendis la Blankan domon (kontraŭ, cetere, kiel evidentiĝis poste, neekzistinta minaco)?

Ni tamen ne rapidu. Jam el mia priskribo videblas kelkaj strangaĵoj en la historio de la puĉo, kiuj ne estas kompreneblaj laŭ la oficiala versio. Unue, oni ja ne faras puĉojn tiel. (Jam la 19-an oni parolis: "Jen aĉuloj, kion ili faris el la lando! Eĉ la ŝtatrenverson ili ne povas normale organizi!"). Tamen ja, la puĉistoj ne estas tro malspertaj pri la ŝtatrenversoj. Almenaŭ la estro de la ŝtata sekureco, Krjuĉkov, bone sciis la polan sperton de la 1981 (se mem ne partoprenis en tiamaj eventoj). Do, tio estis pli ludo ol serioza afero. Due, tro multe da misinformoj iris dum la puĉaj tagoj el la Blanka domo, por ke oni ne komencu supozi, ke tio ne estis intenca. Trie, tro rapide okazis la postpuĉaj ŝanĝoj, por ke ili ne estu anticipe planitaj. Kvare... Oni povus nombri multajn strangaĵojn, el kiuj eblas fari konkludojn kiuj tute malsamas de la oficiala versio. Nun mi nur mallonge desegnu la rezultojn de tiu analizo, dirante kelkajn vortojn pri la kaŭzoj, vera pasado kaj rezultoj de tiuj tri enigmaj tagoj.

La kaŭzoj: En Sovetio meze de 1991 kontraŭstaris tri ĉefaj politikaj fortoj: la naciaj respublikoj strebantaj al sendependiĝo; la konservativaj fortoj de la komunista partio, militindustria komplekso k.s., kaj la reformemaj fortoj konsistantaj ankaŭ pli ol duone el la ekskomunistoj, kiuj sukcesis trovi la lokon en la preparata merkata sistemo. La celoj de la unuaj kaj triaj ĉefe koincidis en tiuj cirkonstancoj, kaj la strategia alianco faris ilin pli fortaj, ol la konservativuloj. Sed la konservativuloj gajnis la subtenon de M. Gorbaĉov, kiu, malgraŭ nepopulareco enlande, havis fortan apogon eksterlande. Sed, printempe Gorbaĉov evidente alproksimiĝis al Jelcin, gvidanto de la "reformemuloj" (kiuj ofte eĉ nomas sin "demokratoj"), kaj parte eĉ la la Respublikoj. Samtempe necesas noti, ke la "konservativuloj" kaj "reformemuloj" bezonis, okaze de sia venko, enkondukon de eksterordinaraj ekonomiaj kaj sekve politikaj rimedoj, por stabiligi la situacion. Kelkaj pretis al decidaj paŝoj sed tamen ne volis tro malfunkciigi la demokratiajn instituciojn. Tion oni ne subtenis enlande nek eksterlande.

Do, Gorbaĉov interkonsentis kun Jelcin provoki la "konservativulojn" je la plej decidaj paŝoj por ke ili malvenku kaj ke tiel eblu ilin trankvile forigi el la politika vivo. La taskon plifaciligis tio, ke la ĉefaj agantoj de la "konservativuloj" eniris la teamon de Gorbaĉov kaj ili ĝis la lasta momento opiniis lin "sia homo". Pri tio atestas kelkaj malklaraj konfesoj de la eksprezidanto de la unia parlamento A. Lukjanov. Ili ricevis "benon" de Gorbaĉov (kiun instigis de li montrita letero de Jelcin pri lia nova senkompromisa aliro al la nova kontrakto) por enkonduko de la eksterordinara stato, sed tamen, kun du kondiĉoj: 1) ke li ne partoprenu la aferon mem, sed havu eblecon ajnmomente enmiksiĝi kaj korekti la situacion, se ĝi eskapos el ilia kontrolo;

2) ke ili ne apliku perforton, ne verŝu sangon (ĝuste la lasta afero klarigas, kial ili tiel ektimis la 21-an de aŭgusto, kiam kelkaj homoj pereis - ili ja ne tiel interkonsentis!). Samtempe, Jelcin ricevis la rajton agi kiel li volas por forigi "konservativulojn", kaj la Respublikoj - sendependiĝis. Do, la ruza plano de la du plej ruzaj politikistoj de la nuna tempo estas plenumita.

### REZULTOJ

La Sovetunio ne plu ekzistas. En Ruslando Jelcin iĝis la sola ĉefa aŭtoritato. Sed ja, ankaŭ Gorbaĉov ne perdis la tutan potencon, kio nepre okazus, se li ne alianciĝus ĝustatempe kun Jelcin anstataŭ kun "konservativuloj". La ordonoj de Jelcin, kiuj limigas rajtojn de la demokratiaj institucioj (farataj tamen sur demokratiaj sloganoj!) - nome de lokaj konsilioj, entreprenistaj unuiĝoj ktp., helpe de specialaj komisaroj, dispelo de la komunista partio kun paralela kreado de neimageble granda nova burokrata aparato, rompoj de la konstitucio - ĉio estas la vera ŝtata renverso. Kiaj rimedoj (speciale elstaras tiurilate la

# 65-a KONGRESO DE SAT
## 05.08.1992 - 15.08.1992
## EN KAUNAS, LITOVIO

ORGANIZA KONGRES-KOMITATO:
Prezidanto: Povilas JEGOROVAS
Sekretario: Rima SKUDZINSKIENE
Kasisto: Viktoras BANIULAITIS

Aliĝ-kontaktadreso: 233000 KAUNAS-C, ab.k. 167, Litova Esperanto-Asocio, Litovio. Oficeja telefono 7-0127-208503 (landa kodo, urba kodo, numero). Telekso 269806 BOOK SU
Telefakso: 7-0127-204970. Aldonu vorton ESPERANTO.
Aliĝilon kaj pliajn detalojn vi trovos en decembro.



*Panoramo de Kaunas.*

## *SAT BEZONAS MONON*

*La pariza kaso estas kvazaŭ malplena. Tiu kaso ricevas monon el du fontoj: vendo de libroj kaj kotizoj. La vendo de libroj stagnas. La nombro de aliĝoj grandiĝas.... sed la mono el tiu plimulto ne alvenas. Tio ne estas nova afero. Jam de tre longtempe kelkaj orienteŭropanoj estis membroj kaj ne povis kotizpagi. Nun venas pli kaj pli da novaj gekamaradoj. Jam en S-ulo de oktobro 1989 aperis deklaro pri la SAT-reto en Orienta landaro.*

*Ni ne devas malesperigi tiujn gekamaradojn. Efektive, la plimulto de la nunaj aliĝoj estas el Orienta Eŭropo, kaj la ekonomiaj kondiĉoj ne permesas financajn fluojn tra la landlimoj. Diversaj indikoj esperigas plibonigon tiuflanke.*

*Vaclav Havel antaŭ nelonge aperigis artikolon en franca ĵurnalo "Libération" (18.7.91) pri orienteŭropaj ekonomisistemoj. Li konscias ke nun ĉio estas malbona, sed petas la okcidentanojn helpi Sovetion tiamaniere, ke ĉiuj orienteŭropaj ekonomioj profitu el tiu pliboniĝo.Ni fidas la pledon de Vaclav Havel. Iam la ekonomioj okcidentaj kaj orientaj estos sambazaj.*

*Sed nun, la situacio estas tre malfacila. Ni do vokas ĉiujn al specialaj klopodoj.*

***Donacoj estas bonvenaj.*** *** ***Ni proponas ankaŭ helpan kotizon.***

*Al sia baza kotizo, membro, ĉu ordinara, ĉu emerito, ĉu junulo ktp., aldonu kroman kotizon. Ni diru simple ke oni duobligu la bazan kotizon. Kompreneble tio tute ne estas deviga. Ni tamen asperas ke multaj gekamaradoj komprenos kaj pozitive reagos al nia alvoko.*

*Kredu nin, la vivo mem de la Asocio estas en danĝero.*

*KROMPAGU AMASE! DANKON!* *La P.K. de SAT*

moskva urbestro G. Popov, kiu ludas rolon de la vera diktatoro en kadroj de la ĉefurbo) tre similas la eksterordinaran staton, kvankam ne portas tiun nomon kaj - kio rilatas la homajn rajtojn, estas iom pli mola ol tiu, kiun enkondukus la "puĉistoj". Do, la celoj de la "puĉistoj" - la ŝtata renverso kaj enkonduko de la eksterordinara stato almenaŭ en kadroj de Ruslando estas plenumitaj, sed per manoj de la veraj organizintoj de la komploto, famaj politikaj intriguloj, prezidentoj Jelcin kaj Gorbaĉov.

Ĉu vere estis tiel, kiel mi skizis, bedaŭrinde neniam iu scios, ĉar tre malmultaj atestantoj, kiuj scias la veron, silentos. Tamen tiu versio tre similas la veron. Ĉiaokaze, la vera historio de la "puĉo" de 19-21-a de aŭgusto 1991 restos unu el la plej malhelaj enigmoj en la historio de la 20-a jarcento.

### ALVOKO

Ni ricevis alvokpeton de k-do Qi Hong, SAT-ano kaj prezidanto de Yangxhou-a Junulara asocio de fremdlingvaj amatoroj. Jen ĝi:

En julio okazis grandegaj inundoj en ĉiniaj provincoj Jiangsu, Anhui kaj aliaj, kaj multaj homoj, inter kiuj ankaŭ esperantistoj kaj SAT-anoj suferegis. Entute 40 milionoj da ĉinoj suferas pro tiu inundo. Ili bezonas vian subtenon kaj helpon. Se ĉiu membro de SAT donacus nur unu dolaron (aŭ egalvaloron) la suferantoj ricevos grandan helpon. Koran dankon,

Qi Hong
Yangzhou yinshua Zongchang,
Yangzhou, Jiangsu, CN-225003
Ĉinio

Vian helpon vi povas sendi al SAT kun indiko "por inundita Ĉinio", kaj ni zorgos pri la sekva transsendo de tiu mono al Ĉinio. Dankon.

**HELPO AL LA ASOCIO**

**En Francio (FF)** Legros 20,00; J. Gibaux 500,00; MKE 197,49 (1200 BF); Michaud 7,50; Schumacher 400,00 GMk; Vicente - memore al niaj mortintoj 18.050,00 pesetoj.; LEA-Komitato 5.000,00 FF.; Letzgus 40,00; C. Bournazel 135,00; G. Ledon 3000,00; E. Monier 100,00; J.P. Orliange 10.000,00; W. Landemann 500 GMk (1693,75 FF); J.P.O. 6.000,00; MKE 66,00(400 BF); Le Halle 85,00;

**En Germanio (GMk)** W. Dampmann 750,00; H. Schmid 19,50; A. Stephan 50,00 (por S-ulo);

**En Hispanio (Pes.)** P. Holt 1.000,00;

**En Svedio (Sv.kr.)** I. Paulsson 200,00;

**SOLIDARSERVO**

**En Francio (FF)** MKE 65,87 (400 BF)

# PROTOKOLO DE LA 64-A KONGRESO DE S.A.T en Ottignies-L.L.N.

daŭrigo kaj fino:

*K-do Barkoviĉ* respondas ke tio ekzistas sub la nomo "plumamikoj". Krom tio, la redaktoro ricevis kritikon kiun li prezentas. Temas pri la artikolo kiu aperis en "Viaj opinioj". Iu kamarado, profesie instruisto, eksiĝas el SAT, ĉar li sufiĉe gajnas kaj ne plu sentas sin laboristo. Al tiu artikolo, la P.K. aldonis sian komenton, dirante, ke la francaj instruistoj fakte havas mizeran salajron kiu sufiĉas nur por vivteni. Alia kamarado verkis reagan artikolon kiu ne aperis en julia numero sed aperos en la venonta (vidu oktobran numeron, rim. de la red.). Vi do ne povis ĝin legi kaj estus malfacile diskuti pri ĝi. Tiu kamarado estas konsternita pri la komento kiun faris la P.K. post tiu artikolo. Li komparas la salajron de la franca instruisto kun tiu en la landoj kie la homoj eĉ ne havas por manĝi. Kompreneble, ke en tiu komparo la franca instruista salajro ne estas mizera. Sed kompare kun tiuj kiuj gajnas plurfoje pli, ĝi estas mizera. *K-do Barkoviĉ* invitas la kamaradon, se li estas en la salono, prezenti sian opinion kaj enkonduki la diskuton. Tiu kamarado opinias, ke la sinteno de la P.K. povus eĉ forpuŝi plurajn gekamaradojn el SAT. La celo de la P.K. ne estas forpuŝi la membrojn, kompreneble. Do, se la P.K. eraris, ĝi petos pardonon. Ja, la P.K. ne estas senerara. *Bedaŭrinde la kamarado ne aperas.*

*K-dino S. Bernard*, kiu estas emerita instruistino opinias, ke fakte la instruistaj salajroj estas mizeraj. La pruvo estas, ke en la franca departemento Ĝirondio, ĉi jare 59 postenoj de lernejestroj ne trovis kandidatojn ĉar la salajroj estas vere mizeraj.

*K-dino A.S. Markov*, kiu estas instruistino, konfirmas ke la situacio de instruistoj en Francio estas efektive malbona. Ŝi, kiu devas vivigi sespersonan familion per instruista salajro, kvankam loĝanta en riĉa okcidenta lando, ne sukcesas fini normale la monaton. Pri Sennaciulo, ŝi bedaŭras, ke ne plu aperas sub la titolo, la frazo ke pri la enhavo respondecas la aŭtoroj mem. *K-do Barkoviĉ* respondas, ke tiu frazo aperas regule en la rubriko kun la adreso de SAT en dua paĝo kaj en la rubriko "Viaj opinioj". K-dino Markov tamen insistas, ke tiu frazo aperu sur la frontpaĝo, por ke al ĉiuj estu tuj klare, ke ne respondecas la Asocio.

*K-do Gudskov*, opinias, ke la laboristo estas ĉiu kiu perlaboras sian monon per propra penado, senkonsidere ĉu tiu laboro estas fizika aŭ mensa. En la liberecanaj rondoj de Rusio kaj Ukrainio oni eĉ uzas la vorton proleto (povas esti inĝeniero aŭ manlaboristo). Se SAT estas asocio por tiuj, kiuj per siaj propraj fortoj gajnas sian monon, li eĉ ne komprenas kial tiu demando ĉiam denove aperas.

*K-do Levi*, opinias ke la problemo pri klasbatalo povus plenigi multajn kunvenojn kaj neniam finiĝus. Objektivo de la klasbatalo estas unu afero, kaj la konscio pri ĝi estas alia. Tio dependas pri tio kion oni metas en la kapojn de la personoj. La klasbatalo ekzistas ne pro tio ĉar ni volas ĝin sed ĉar la aktuala socio ĝin provokas. Tio estus por mi tre bona novaĵo ke la klasbatalo ne plu ekzistas sed la mastroj ne scias tion.

*K-do Prevost* kritikas, ke en Sennaciulo aperis du aŭ tri artikoloj, kie oni skribigas infanojn kun pensoj de plenkreskuloj. Tion li tute ne ŝatas. Tio estas taktiko politika kaj religia. Due, aperis artikolo de la prezidanto de KEK, Bespalov. En la kongreso en Illertissen oni decidis ke KEK-anoj kiuj volas aliĝi al SAT devas deklari, ke ili kondamnas la Statuton de KEK en kiu oni parolas pri la batalo kontraŭ anarkiistoj kie ajn ili estas. Fakte la anarkiistoj multe malpli murdis ol la marksistoj. En Sennaciulo ne estas sufiĉe da artikoloj pri la virinaj problemoj.

*K-dino Caragea*, reagas pri la kritiko rilate al infanaj artikoloj. Estas ŝi kiu tradukis ilin kaj sendis al Sennaciulo. Temas pri tekstoj aperintaj en iu libro, kie la infanoj inter 7 kaj 15 jaraĝaj el diversaj landoj, skribas libervole kiel ili mem imagas sian vivon en la jaro 2010. *K-dino Markov* pensas pri k-dino E. Prent, kiu iam eldonadis "Kalejdoskopo"-n kaj kie aperis la tekstoj de niaj infanoj.

*K-do Grandière* miras pri tiu debato, ĉar tiu artikolo aperis en la paĝo de la SAT-JF kaj aperis sub la respondeco de la SAT-JF. Krome la enhavo tute ne ŝokas.

*K-do Peyraut* klarigas, ke la aludo pri paroligado de infano, pri kiu parolis k-do Prevost, verŝajne koncernas la tekston de juna ruso el Leningrado, kiu priskribis sian vojaĝon al Litovio.

*K-do Damjanov* opinias, ke la enhavo de Sennaciulo ne devus koncerni nur la SAT-anojn. Estas tiom da problemoj kaj konfliktoj en la mondo, ke tio koncernas ĉiujn esperantistojn. Krome li ne konsentas pri la artikolo de Lanti en la maja numero, pri la historio de la Unua de majo, en kiu oni diras ke iu anarkiisto ĵetis bombon. Tio estas malvero. K-do Lanti ne estis tute stabila homo kvankam ni diigas lin. Li estis foje liberecano, foje marksisto, partiano, kaj kiam li skribis tiun tekston, verŝajne li estis partiano kaj ĵetis koton sur la liberecanojn. Tiaj aferoj devas esti pli bone pripensitaj. K-do Damjanov dezirus ke en Sennaciulo aperu ankaŭ artikoloj de personoj ekster SAT. Kiel ekz. li donas SAT-Amikaron




*K-do Leo Vulfoviĉ invitas ĉiujn al la venontjara Kongreso en Kaunas, Litovio*

en kiu en la unua paĝo ofte estas artikoloj el aliaj fontoj. La enhavo de Sennaciulo devas esti intelekte tre alta senkonsidere ĉu en ĝi partoprenas intelektuloj ekster SAT.

K-do Barkoviĉ respondis pri du aferoj: a) pri la infanartikoloj de k-dino Caragea. Li mem lokis tiujn artikolojn en la rubrikon "Junaj Voĉoj", ĉar tio efektive estas junaj voĉoj. La JF ne respondecas pri la lokigo de tiuj artikoloj. Ilin li trovas tre interesaj kaj dankas al k-dino Caragea kiu tradukis kaj sendis ilin. Due, pri la artikolo de rusa knabo el Leningrado: ĝin sendis la patro kiu estas membro de SAT. Laŭ la patro, temas pri la lernejа tasko, kiun lia filo faris.

Pri la artikolo de Lanti, oni aperigis ĝin ĉar estis ricevita nenia artikolo pri la Unua de majo. Intertempe jam alvenis reago el Italio en kiu la aserton, ke la anarkiisto ĵetis la bombon korektas nia itala kamarado kaj kiu aperos en la venonta numero de S-ulo (vidu oktobran numeron, n.d.l.r.).

Pri la enhavo: ĝi dependas de ĉiuj membroj. K-do Barkoviĉ denove invitas ke oni verku kaj informu pri la eventoj kiuj en la nuna epoko senĉese okazas.

*K-do Levi*, konsentas ke estus pli bone, ke vivantaj membroj verku artikolon, sed ke de tempo al tempo ni ricevu tekston de antikvaĵo de SAT, estas tre utila, eĉ se en ĝi troviĝas malgrava mensogo. Kio estas grava, estas la fino de la artikolo, kiun la redaktoro tute prave substrekis. Li substrekis la aktualecon de tiu antikvaĵo. Dankon al la redaktoro pri la aperigo de tiu artikolo.

*K-do Prevost*, proponas ke oni reenkonduku en Sennaciulo diskuttemon kaj li proponas temon pri "Demografio". Krome li atendas respondon pri KEK.

*K-do Barkoviĉ*, respondas pri KEK. K-do Bespalov estas SAT-ano kaj li rajtas esprimiĝi eĉ se ni ne samopinias kun li. Temas pri libera tribuno. Se vi ne konsentas pri la teksto, bonvolu verki la reagan artikolon kiu ankaŭ aperos. Ni ne povas malebligi al iu SAT-ano esprimiĝi, se li ne agas kontraŭ la Asocio.

*K-do Peyraut*, aldonas, ke ne temas pri internacia KEK sed nur pri sovetia KEK. Due, el la statuto de KEK oni forigis tiun paragrafon en kiu oni parolas pri daŭra batalo kontraŭ anarkiistoj. Estas fakto, ke tiu movado (internacia KEK) senĉese kaj daŭre kalumniis SAT en sia organo. Eĉ nun. Estus do bone, ke ĉiu nova aliĝanto al SAT, kiu venas de KEK aŭ estas membro de KEK, donu sian pozicion rilate al la Statuto de SAT. Estus minimumo iliaflanke, ke ili deklaru, ke ekde nun ili ne plu atakos kaj kalumnios nin.

Per tio finiĝis la dua laborkunsido.

Posttagmeze okazis kunvenoj de diversaj frakcioj kiel Liberecana, Liberpensula ktp.

Vespere ni povis spekti la teatran prezenton de "MEDEE" de Eŭripido, adaptita por du aktorinoj: s-inoj FALK kaj CASTIAU.

## TUTTAGA EKSKURSO

Merkrede la gekongresanoj forvojaĝis al tuttaga ekskurso. Oni vizitis unue la Belgan surteran stacion de spacaj telekomunikadoj "RTT-Lessive" kiu estas iaspeca fenestro al la estonto. La vizito estis tre interesa kaj instrua. Posttagmeze ni vizitis belegajn ĝardenojn de Annevoie.



*Juna ĵurnalistino el Bulgario salutas la kongreson.*

Vespere ni rigardis tre interesan videofilmon pri Esperanto - farita profesie fare de filmstudio en Rostov na Donu, kun esperantlingvaj komentoj. Tre bone dokumentita filmo kun por SAT-anoj speciale interesaj eroj, kiuj montras kelkajn bildojn el la Leningrada SAT-kongreso. Tiun filmon alportis kaj preparis kamarado Vulfoviĉ.

## TRIA LABORKUNSIDO

Ĵaŭde matene okazis la Tria laborkunsido. Prezidas k-do *Yves Peyraut*.

Amikeca Reto: La prezidanto legas la tekston. K-do *P. Persson* esprimas la deziron, ke k-do Peyraut diru kelkajn vortojn pri la Amikeca Reto, por tiuj, kiuj eventuale ne konas ĝin ankoraŭ. K-do Peyraut klarigas kaj parolas pri historio kaj celoj de tiu servo.

K-do *Calixte Cavalié* deziras scii, ĉu tiu servo estas rezervita nur por SAT-anoj aŭ ankaŭ aliaj esperantistoj povas ĝin uzi? Tuj respondas k-do Peyraut: ĝin povas uzi ĉiuj esperantistoj, kaj la triono de la aktualaj membroj ne estas SAT-anoj. Ni nur povas laŭdi la laboron de nia k-do Rollin, kiu kreis ion originalan kaj kio tre bone funkcias. Do, ni danku al li *(aplaŭdo)*.

*Radiofonio*: post la legado, k-do *Theobald* intervenas dirante, ke la informoj de la respondeculo nepre devus aperi en Sennaciulo kaj krome, la respondeculo de la servo devus korespondi kun la radio-stacioj kaj sendi al ili informojn pri SAT.

*SAT-frakcioj*: pri la frakcioj, post la legado de la paragrafo, intervenas k-do *Orliange*, informante ke la Abundana frakcio ŝanĝis la nomon al Frakcio por la distribua ekonomio.

*Filatela servo*: - kdo *Ramelli* invitas ĉiujn aĉeti la kovertojn kun poŝtmarkoj, ĉar per tio oni helpas la Asocion. Oni aplaŭdas la laboron de k-do Ramelli.

*Eldonoj-librovendado*: Intervenas k-do *Grandière* kiu ŝatus scii, ĉu se iu el orientaj landoj deziras aĉeti PV aŭ PIV, li turnu sin al k-do Baniulaitis? La respondo estas ke sovetianoj povas mendi ĉe k-do Baniulaitis, sed PIV ne estas aĉetebla.

K-do *Peyraut* klarigas, ke nun ni nenion vendas individue al sovetianoj, sed nur tra libroservo de k-do Baniulaitis.

K-do *Barkoviĉ* informas, ke tiu maniero estas pli sekura ol sendi la librojn al ĉiu individuo. Antaŭe okazis ke kelkaj pakoj, kvankam senditaj registrite, perdiĝis, kaj krome kelkaj gekamaradoj ricevis la pakojn nur post ses monatoj aŭ eĉ post unu jaro.

*Ekspedo de Sennaciulo*: lige al tiu paragrafo, k-do *Lebec* precizigas ke sendo de jarserio de Sennaciulo kostas ĝenerale pli ol 37 FF kaj per sendo de pakoj al la perantoj kiuj poste dissendas interne de la lando, la jarserio kostas 5 FF. Do tio estas ŝparo por la asocio. Kompreneble, la peranto mem elspezas monon por dissendi, sed tio estas mono kiun ni ne povas enporti.

*Sennacieca Revuo*: K-do *Levi* diras ke S.R. estas kvazaŭ plilongigo de Sennaciulo kaj ke estus dezirinde, ke la resumoj de artikoloj el S.R. aperu en Sennaciulo, kio instigos la legantojn de Sennaciulo legi la revuon.

K-dino *Saskia Veen* opinias, ke la ideo de k-do Levi estas simpatia sed ne praktika, ĉar kiu resumos la longajn artikolojn de S.R. Estas malfacile postuli

tion de la redaktoro de Sennaciulo. Eble la verkantoj devus sendi la artikolon kaj samtempe ĝian resumon, aŭ oni bezonus havi specialan kompetentulon pri tio.

K-do *Levi* respondas ke efektive la aŭtoroj devus tion fari.

K-dino *J. Ternant* esprimas dankon kaj gratulon al la redaktoro de S.R. k-do *P. Signoret* kiu faras perfektan laboron. Samtempe ŝi instigas la aŭtorojn sendi la tekstojn kiel eble plej frue por plifaciligi la laboron de la redaktoro. Sed, estas alia afero kiu puŝis ŝin interveni. Fakte, kvankam la enhavo de la ĉi-jara revuo estas bonega, la aspekto teknika estas malbela ĉar mankas marĝenoj kaj la teksto ne estas bone centrigita. Ŝi ŝatus ke venontnumere oni pli atentu pri tio.

K-do *Barkoviĉ* klarigas kio fakte okazis pri tiu numero. Li mem eraris kompostante kaj faris anstataŭ 32+4-paĝan numeron - 36+4-paĝan. Ĉar, por ŝpari la afrankon, la revuo ne devis transpasi 100 gramojn, la presisto estis devigata tranĉi forte la paĝojn. Do, oni havas pli riĉan revuon sed malpli belan. Venontjare ĝi aperos kun malpli da paĝoj sed ĝi estos pli belaspekta. Pardonon. Aliflanke, ni promesis plurkoloran frontpaĝon kaj ĝi estas trikolora (nigra, blanka kaj verda). Tie ankaŭ temas pri miskompreno, kaj espereble ni povos tion ripari venontjare. Ĉiakaze, ĝi estas tre interesa kaj valora revuo, kaj li invitas ĉiujn nepre aboni kaj legi ĝin.

K-dino *Caragea*, proponas ke anstataŭ resumi la artikolojn de SR en S-ulo, oni povus nur doni la enhavtabelon.

K-do *Lebec* precizigas, ke pri la malbela aspekto ne kulpas nur k-do Barkoviĉ sed ankaŭ la presisto. Nome, ni indikis al la presisto, ke li uzu 70-graman paperon kaj konstatis ke li uzis pli pezan paperon. Do tiel li devis draste tranĉi.

K-do *Damjanov*, deziras ke ne estu aparta prezo por Sennacieca Revuo sed ĝi estu interne de la abono al Sennaciulo, tiel ke ĉiu SAT-ano ricevu ĝin. S.R. oni povas ankaŭ ekspedi interne de la lando kiel oni faras de kelkaj monatoj pri Sennaciulo. En Bulgario ĉiuj membroj aŭtomate ricevas ankaŭ Sennaciecan Revuon.

K-do *Marcelo Ternant* demandas sin, kie en Sennaciulo oni trovos spacon por la resumo de artikoloj de S.R., des pli ke eĉ nun nia organo aperas trimonate. Li subtenas aperigon de la enhavtabelo.

K-do *Grandière* informas ke ricevinte Sennaciecan Revuon, ĝi bone impresis lin. Laŭ li, la aspekto estas pli bela ol antaŭe. Ŝajnas ankaŭ ke enhave ĝi estas tre interesa. Li pensas, ke se li legus la resumojn en Sennaciulo, eble li ne plu emus legi la revuon mem.

K-do *Peyraut* miras, ke neniu ĝis nun kritikis la ŝanĝon de la formato, ĉefe tiuj kiuj kolektas kaj bindigas ĝin. Li parolas pri la neesperantista amiko kiu faris la projekton de la frontpaĝo. Venontjare ĝi devus esti pli bela, ĉar ni progresos en niaj spertoj.

K-do *Suarez*, ankaŭ opinias ke oni ne devas miksi la du eldonaĵojn de SAT ĉar ili estas diferencaj.

K-do *Jacobs* miras pri la termino kulpi. Fakte ni ĉiuj faras erarojn kaj oni perfektiĝas iom post iom. La perfekteco ne ekzistas en nia mondo.

K-dino *Jo v. Hulst* gratulas la eldonanton pri la ĝustatempa apero de la revuo, ĉar antaŭe ĝi malfruis.

K-do *Peyraut* gratulas kaj dankas al k-do Signoret pri la bonege farita laboro. Samtempe li anoncas, ke k-do Signoret deziras ne plu daŭrigi tiun laboron pro sanproblemoj. Do, li zorgos ankoraŭ pri la redaktado de la venonta numero, sed ŝatus ke ni trovu anstataŭanton. Eble inter la kongresanoj troviĝas kandidato.

K-do *A. Josifov* opinias, ke la presprovaĵojn krom la redaktoro devus legi alia persono por eviti kiel eble plej, la erarojn. Krome li proponas ke estu prilingvaj artikoloj.

K-dino *T. Pinet* trafoliumis la lastajn dudek jarojn de Sennacieca Revuo kaj konstatas ke k-do Signoret sukcesis trovi tre interesajn artikolojn por la revuo. Sed, ĉu li sentas apogon de la SAT-anaro aŭ eble li estas tro sola kaj pro tio volas liberiĝi? Speciale bona numero estis tiu pri la franca revolucio. Oni devas multe danki al k-do Signoret pro la laboro kiun li faris kaj espereble ankoraŭ faros *(aplaŭdo)*.

K-do *Marcelo Ternant* respondas al k-dino Pinet, ke k-do Signoret havas helpon de k-do Levreaud. Do li ne estas absolute sola kaj ne sentas sin sola. "Mi bedaŭregos se k-do Signoret forlasos tiun postenon ĉar li tre kompetentas pri tiu laboro kaj krome la kunlaboro kun li esta tre agrabla. Se vi ĉiuj konsentas kun mi ke ni ĉiuj bedaŭregos se li nepre volas forlasi tiun postenon, mi proponas ke ni skribu al li kaj ni sentigu al li kiom la kongreso bedaŭregas tion, kaj ni petu ke li daŭrigu tiun laboron". *(aplaŭdo)*.

K-do *Barkoviĉ* subtenas la ideon de k-do Damjanov, ke la kotizo al SAT entenu samtempe la abonon al Sennacieca Revuo, kaj tiel ĉiu SAT-ano ricevu ĝin kun la Sennaciulo. La nemembroj povu ĝin aboni aparte.

K-dino *J. Ternant* klarigas ke en kelkaj familioj estas pluraj personoj membroj kaj tiel estus por ili plialtigo de la kotizo.

K-dino *Gudskov* opinias, ke devas esti kategorio de familia membro kaj tiel ne estus por ili plialtigo. Li subtenas la ideon pri la inkluzivita abono al S.R.

K-do *G. Vanderputten* opinias ke oni demandu opinion de la membraro pri tio per referendumo.

K-do *Grandière* proponas, ke unue la PK pristudu la aferon kaj ke ĝi aperigu la konkludon kaj tiam eble ni povus referendumi. La problemo estas ankaŭ financa, ĉar la gekamaradoj el nepagipovaj landoj ne pagas multe.

K-do *Levi* atentigas, ke ĉar temas pri la ŝanĝo de kotizo, la decido laŭstatute apartenas al la Plenum-Komitato.

K-do *Barkoviĉ* klarigas ke ĉiujare oni presas 1000 ekz. de S.R. , ĉar tio kostas same kiel 700 ekz. kiom da abonantoj estas. En kelkaj landoj kiel Bulgario aŭ Japanio praktike ĉiuj membroj abonas S. Revuon. Do restas sufiĉe granda kvanto kaj oni ne sukcesas ilin vendi. Estus bedaŭrinde ĝin ne plu aperigi kaj estus bone ke kiel eble plej da membroj legu ĝin.

K-do *Suarez* opinias ke oni ne povas trudi al ĉiuj SAT-anoj aboni S.R.

K-dino *A.S.Markov* subtenas la proponon de k-do Barkoviĉ. Ne temas pri trudo se oni sendas S.R. al ĉiuj membroj, kaj oni povus plialtigi la prezon de S. R. por nuraj abonantoj. S. Revuo estas ankaŭ organo de SAT kaj estus normale ke ĉiu membro ricevu ĝin. Tio estus ankaŭ pli normale ol ke nevenditaj ekzempleroj restu kiel morta stoko en la SAT-ejo.

K-do *Vivancos* opinias, ke estas dezirinde, ke ĉiu SAT-ano abonu al S.R. Tamen estas problemo, ke ne ĉiu kiu pagas kotizon al SAT estas vera SAT-ano. Kiel SAT-peranto, li scias kiel estas malfacile pagigi la ordinaran kotizon, almenaŭ en Kanado. Oni tamen proponu al ĉiu aboni ankaŭ S.R.

K-do *Barkoviĉ* konkludas dirante, ke fari referendumon nur pro tio estus malŝparo de mono, ĉar tio multekostas kaj verŝajne malmultaj respondus al tiu referendumo.

K-dino *v. Hulst*, opinias ke oni atendu kaj okaze dum referendumo oni aldonu ankaŭ tiun demandon.

Voĉdono pri tiu temo: 19 por inkluzivigi la S.R. en kotizon, 26 kontraŭ kaj 12 sindetenoj (tio estas nur opinio sen decida signifo).

Junulfako: post legado de la paragrafo intervenas k-do *Nicolas Freud*. Li legas pli kompletan raporton pri la lastjara aktivado de la J.F. Nun la junulfako havas 220 membrojn. La membraro kreskas danke al la aliĝo de novaj membroj el orienteŭropaj landoj. En la lasta numero de "SAT-JF prezentas sin" oni prezentas la dosieron pri eventualaj ŝanĝoj de la SAT-Statuto. La broŝuron ricevis ĉiuj membroj kaj trovis en ĝi demandaron. El 220 membroj respondis ĉirkaŭ 27 personoj. El 25 respondoj 24 opinias ke SAT bezonas ian modernigon, kaj ke kelkaj vortoj en la Statuto malmoderniĝis. Post unu semajno okazos IJR en Epen, Nederlando.

K-dino *Saskia Veen* informas, ke al IJR kiu estas la sepa laŭvice, aliĝis ĝis nun 66 personoj, sed problema fakto estas ke aliĝis ĉefe gejunuloj el nepagipovaj landoj, do verŝajne estos sufiĉe grava deficito.

K-do *N. Freud* informas, ke Saskia praktike sola organizas tiun IJR-on

*(aplaŭdo)*. La problemoj de la J.F. estas, ke la sekretario kaj kasistino eksiĝas el Junulfako pro aĝo. Estus bone se novaj sovetiaj membroj faru ion por pli bone organiziĝi en Sovetio. Ankaŭ Saskia Veen volas forlasi la komitaton. Do ne restas multaj, kaj oni ne plu povas certigi ke la broŝuro "SAT-Junulfako prezentas sin" daŭre aperos. Ankaŭ oni ne povas certigi ĉu la IJR-o daŭre okazos.

K-dino *Saskia* klarigas, ke la ĝisnunajn broŝurojn faris ĉiam nur unu aŭ du personoj, kvankam ĝi devus esti la forumo de ĉiuj JF-anoj. Pri IJR estas same. La resto de JF-anoj apatias pri tio. Do, oni povas imagi ke ni iomete seniluziiĝis, diras Saskia.

K-do *Freud* informas, ke JF tamen faris kelkajn pozitivajn decidojn: estas tri sudamerikaj gejunuloj kiuj volas aliĝi kaj por ili pagos la kotizon la kaso de la JF. Ankaŭ oni iom mone subtenos la organizadon de la JF-anoj en nepagipovaj landoj.

K-do *Prevost* volus scii, ĉu kelkaj el la ĉeestantoj helpas al junuloj el la malriĉaj landoj kiel Afriko, Sud-Ameriko. Tiuj, kiuj povas tion fari, ili nepre faru por gardi la membrojn de SAT.

K-do *P. Persson* interesiĝas pri tiuj tiklaj vortoj el nia Statuto, kiuj ĝenas la junulojn.

K-do *Peyraut* parolas pri la lasta eldono de la broŝureto "SAT-JF sin prezentas" kaj demandas, ĉu ĝi estas publike disvastigita ekster la SAT-medio. Se jes, tio estus tre ĝena, ĉar ĝi traktas nur la aferojn kiuj estas tute internaj, kaj estus ĝene ke ekster nia medio oni diskutu pri niaj internaj aferoj. Due, en la broŝuro aperas trifoje la nomo de Y. Peyraut. Unue, en la artikolo de k-do Redoulez kiu parolas pri "loka grupo fondita en 60-aj jaroj de iu Yves Peyraut", kiu grupo ŝanĝis sian nomon kaj forlasis la vorton laborista, ĉar "tiu vorto laboristoj evoluis". "Ĝi ne plu havas hodiaŭ la samajn guston kaj koloron kiel antaŭ tridek jaroj. Se iam tiuj vortoj estis esperdonaj kaj promesplenaj, fine de nia dudeka jarcento ili elvokas fiaskan mondon, trompparadizon". Li tute ne konsentas kun tiu ĉi interpreto de la afero. Krome, la fondo de tiu grupo estas unu el fieroj de lia vivo kaj li tre ĉagreniĝis pro la ŝango de la grupa nomo. Alia frazo kiu ŝokas k-don Peyraut estas, ke oni diras, ke k-do Peyraut respondis pri la statutŝanĝo, "ke tio ne eblas, ĉar kostus tro da mono por represi la Statuton". La frazo en si mem estas ne tre afabla rilate al k-do Peyraut. Li estas tre ĉagrenita ke sub la plumo de Marcelo Redoulez, kiun li tre ŝatas, aperas tiaj vortoj. K-do Peyraut tion diris ekster la debato kaj la kostoj de la represo de Statuto estas nur unu el la argumentoj kiujn li donis.

K-do *Suarez* ankaŭ aĉetis la broŝureton de la Junulfako, legis ĝin kaj konkludis, ke temas pri gejunuloj kiuj ne sufiĉe profunde konas SAT. Ili diskutas pri eventualaj ŝanĝoj de iu vorteto per alia, sed la signifo estas la sama. Kial do ŝanĝi unu vorton per la alia, se la signifo estas la sama. Laŭ li, la junulfakanoj devus pliproksimiĝi al SAT kaj pripensi ĉion pli profunde. Ili devus kompreni ke tiom longe kiom ekzistos la klasoj, ekzistos ankaŭ la klasbatalo, ĉar tio estas natura eco, kiu estas en ni mem. Oni povas anstataŭ la vorto propagando, uzi la vorton informado, sed tio ne sufiĉas por ŝanĝi la Statuton.

K-dino *Saskia Veen* respondas al k-do Peyraut, ke la broŝuro ne estis sendita ekster la SAT-medio, kaj ke la teksto de k-do Redoulez estis speciale verkita por tiu broŝuro. Do, ĝi ne aperis antaŭe en S-ulo kaj k-do Peyraut ne povis legi ĝin.

K-do *Levi* rekomendas la legadon de la broŝureto, en kiu estas eĉ juneca humuro. Fakte nia Statuto estas bonega kaj ĝi nur devas esti atente legata. Sed, ni devas ankaŭ tre atenti, ke niaj junuloj estas plenkreskuloj, kaj ni debatas kun ili kun respekto. Kun la junuloj oni devas diskuti sur la egala tereno. Do, ne temas pri ia tikla debato, kaj estas normale ke oni debatas pri la Statuto. La problemo de la Junulfako estas ke pro materia kaŭzo ĝi estas iomete amnezia. La diskutoj pri la Statuto okazis ĉiufoje kiam alvenis nova generacio de SAT-anoj. Do ni ne devas esperi ke foje alvenos la definitiva konkludo, sed ke eĉ post ankoraŭ 70 jaroj oni ankoraŭ diskutos pri ĝi kaj konstatos ke ekde la komenco ĝi estis bone farita. K-do Levi konsentas, ke la junulfakanoj devas interesiĝi pri SAT, kaj la pruvo ke ili interesiĝas estas ĝuste la aperigo de tiu broŝuro. Do, ni nur povas gratuli al niaj gejunuloj. "Oni povas diri ke mi konsentas pri tiu punkto kaj ne pri tiu. Sed, ni ne estas ĉe juĝproceso, do neniu kulpas kaj nenio tiklas min".

K-do *Prevost* opinias ke estas tempoperdo batali pri vortoj.

K-do *Freud* precizigas, ke ĉar nur 10 % el la junulfakanoj respondi al enketilo, tio ne sufiĉas por entrepreni ion konkrete. Do, koncerne la komitatan agadon sur tiu kampo, la afero estas finita. La debato estas malfermita sed la referendumo ne plu okazos.

K-do *Grandière* rememorigas ke kiam li estis junulfakano, ankaŭ ili estis impetaj kaj kontentaj embarasigi la gravulojn de SAT, Estis alia spiritostato kiu certe dependis de la sociaj cirkonstancoj. Nuntempe la sinteno de la gejunuloj estas malpli revoluciema. Pri la Statuto, li opinias, ke en la momento de la fondiĝo de SAT en 1921 la Statuto spegulis efektive la sintenon de la laboristoj. Se tio okazus hodiaŭ la Statuto certe ne estus la sama. Ĝi certe pli adaptiĝus al la komprenemo kaj deziro de la junularo. Nu, oni devas unue interkonsenti pri la intenco, kion oni intencas. La baza celo estas la kulturigo de la SAT-anoj en ĉiuj kampoj. En la komenco, la vorto "klasbatalo" ne estis same konsiderata kiel nun. Nun oni konsideras ĝin kiel simbolo de marksismo. Ĝi sonas en multaj junaj oreloj de orienteŭropaj landoj tre malbone. Kaj ili hezitas subteni la movadon kiu povas aspekti al ili la subtenanto de iliaj iamaj diktaturoj. Tio ja ne estas kaj ni tion bone scias. Por ni klasbatalo estas esprimo kiu montras ke estas bedaŭrinde diferencoj inter inter la homoj, ke estas labordonantoj sub formo de societoj kaj de multnaciaj societoj kaj aliflanke laboristoj. Fine, mi povas diri ke kvankam mi en mia vivo aktivis en diversaj asocioj kaj sindikatoj, neniam mi vidis tiel bonan Statuton kiel tiu de SAT.

K-dino *A.S. Markov* diras, ke ŝi ankaŭ iam estis junulfakanino kaj deziras esprimi la deziron ke ne estu diferenco de aĝo inter la junulfakanoj (ĝis 25 jaroj kaj de 25-35 jaraj), sed ke ĉiuj estu egalaj.

K-do *Peyraut* konstatas, ke ĉi tie esprimiĝis ĉefe okcidentlandaj junuloj, kiuj estas fakte materie bonfartaj sed tio ne estas kazo por milionoj da aliaj gejunuloj. Krome, li, kiu ofte laboras en pluraj lokoj, ĉiutage vivas kaj konstatas ekspluatadon eĉ en Francio. Kiel diris Proudhon: " Mi ne prenis miajn ideojn el la libroj sed el la malespero". Do la klasbatalo daŭras en ĉiutaga vivo kaj ni ne devas konsideri nur nian malgrandan mondon. La tuta mondo vivas en teruraj kondiĉoj, kaj tie SAT kaj SAT-Junulfako devas ludi tre gravan rolon.

K-do *N. Freud* reliefigas ke la problemo tute ne estas solvita, ĉar almenaŭ tiuj kiuj respondis al enketo estas ĝenataj de la nuna Statuto. Due, en la JF-komitato estas truo, ĉar mankas aktivuloj, kaj la nura ligilo restas "Junaj Voĉoj" en Sennaciulo, kie la homoj povas esprimiĝi.

Kongresoj:Por nia kongreso en Litovio, pri kiu niaj moskvaj kamaradoj asertas ke ĝi okazos, estos du tarifoj: unu en francaj frankoj por okcidentanoj kiuj pagos tion al SAT-konto en Parizo, kaj en rubloj por orienteŭropanoj kiuj pagos al la kasisto en Litovio. Ni bedaŭras ke neniu el Litovio venis al la kongreso por rekte informi nin pri la detaloj.

Oni daŭrigos la debaton en la kvara laborkunsido. Per tio finiĝis la tria.

Posttagmeze okazis kunvenoj de liberecana kaj ekologiisma frakcioj. Krome kunvenis LEA-Komitato de SAT.

Vespere okazis prelego pri "La Flandraj proverboj" - analizo de la pentraĵo de *P. Bruegel* fare de s-ino *Falk*.

## KVARA LABORKUNSIDO

Prezidas k-dino *Saskia Veen*.

K-do *G. Cavalier*, informas la kongreson pri la kunveno de la LEA-komitato de SAT en kiu oni decidis donaci al la kaso de SAT 5000,00 FF por helpi la asocion en tiu malfacila periodo.

*Kongresoj*: Niaj moskvaj kamaradoj invitas ĉiujn venontjare al Kaunas, Litovio. Fariĝas vigla diskuto pri tio, ĉu efektive ni povas esti certaj ke tiu kongreso povos okazi. Kelkaj gekamaradoj opinias ke oni devus serĉi alian kongreslokon, por ne troviĝi en la situacio ke finfine ni ne havos kongreson en 1992. Ankaŭ oni riproĉas al organizantoj, ke neniu el ili venis al la kongreso por doni informojn pri la evoluo de la preparlaboroj. Anstataŭ veni al nia kongreso ili partoprenis la UK en Norvegio. Ni eĉ esperis jam havi la aliĝilojn kaj aliajn informojn. Se ĝis septembro ni ne havos certigon pri la kongreso en Kaunas, ni devos provi trovi alian kongreslokon.

Ankau la postvenonta kongreso eble estos nerealigebla. Ĝi devus okazi en Sarajevo (Bosnio kaj Hercegovino), Jugoslavio, sed pro aktuala situacio en tiu lando oni povas ankaŭ timi pri eventualaj problemoj. Tamen ni esperu, ĉar restas antaŭ ni ankoraŭ du jaroj.

*Konflikt-komisiono*:La kongreso reelektas membrojn de la konfliktkomisiono.

Voĉdono pri la tuta raporto de la Plenum-Komitato: akceptita kun unu sindeteno.

Sekvas la pridiskuto de la kongresa Deklaracio kaj Gvidrezolucio. Post diversaj aranĝoj, diskutoj kaj ŝanĝoj, ambaŭ estas adoptitaj (bonvolu legi ilin en oktobra numero).

Posttagmeze ni ekskursis al Plankendael kaj post la reveno kaj vespermanĝo sekvis adiaŭa vespero. Niaj etuloj, kiuj partoprenis la infankongreseton sub la gvido de kamaradinoj Tokarska kaj Lurkin, prezentis al ni tion, kion ili lernis dum la pasinta semajno. La tuta prezentado estis ege ĉarma kaj kortuŝa. Ni dankas al la prizorgantinoj pro tiu bonega kaj grava laboro. Estas certe ke en ĉiuj niaj kongresoj oni devus organizi tiajn infankongresetojn, kiuj ebligas al la gepatroj normale kaj senzorge partopreni la kongreson kaj donas al la infanoj eblecon ne nur progresi en Esperanto, sed trovi novajn geamikojn kaj pasigi tre agrablajn kongresajn tagojn.

La kongresajn impresojn prezentis al ni en versoj (kantante) nia kamaradino Mia Maatman (vidu la poemon aparte).

La kongreson konkludis la prezidanto de la Plenum-Komitato, k-do *Yves Peyraut* per kelkaj vortoj kaj transdono de floroj kaj donacetoj al la membroj de la Organiza Komitato kiuj faris ĉion eblan por kiel eble plej sukcesigi la kongreson. Dankon al ili kaj - Ĝis revido en Kaŭnas !

### *KONGRESFINA KANTO DE LA 64-A SAT-KONGRESO*

***Tre ŝatata amikaro, baldaŭ venos fin'***
***De la bel' kongresaj tagoj, vi permesu min,***
***Ke kantante mi resumu pri ĉi SAT-kongres'***
***La demandon "Ĉu vi ĝuis?", vi respondu JES!***

***Laboregis eta grupo ĉirkaŭ Klementin'***
***Ĉiuj dronis en laboro, sed obeis ŝin.***
***Tage, nokte, ili sklavis, strebis al sukces'***
***La demandon "Ĉu laŭdinde ?", vi respondu: JES!***

***Por la manĝoj ĉiun tagon vice staris ni;***
***Tio estis ne agrabla, foj' mi aŭdis "FI".***
***Sed ni tamen bone manĝis, - laŭdon - kun permes'***
***La demandon "Ĉu mi pravas ? ", vi respondu: JES!***

***Tra "Luven' la Neuf' ni iris, piedirante nur;***
***Ne por ĉiuj tre facile kaj ne daŭr' plezur'.***
***Sed ni tamen ĉiun tagon faris kun sukces'***
***Estis vera travivaĵo, ni ĝin ĝuis! JES!***

***Tamen promenantoj falis, fluis ankaŭ sang'***
***La vizaĝoj multkoloraj, doloris naz' kaj vang'.***
***Petoj veni ĝustatempe restis sen sukces'***
***Do mi diras "bedaŭrinde", vi konsentu: JES!***

***Dum la aŭtobus-ekskursoj ĝuis multe ni;***
***Vidis ni pri l' Belga lando tiel iom pli.***
***Al kastel', ĝardenoj, bestoj, region' de l'Lesse,***
***La demandon "Ĉu vi ĝuis ?", vi respondu: JES!***

***La kunvenoj kaj vesperoj estis en salon',***
***Kiu kuŝis granddistance de manĝej' kaj dom';***
***La vetero kunlaboris, suna bril' senĉes',***
***Hejme povos ni ripozi, ni eltenis! JES !***

***Pri aliaj travivaĵoj mi ne kantos pli,***
***Ilin legu vi en S-ulo, la gazet' de ni.***
***Pasis do la sesdekkvara kaj kun la permes'***
***Malgraŭ ĉio, ni ĝin ĝuis! Ni respondu: JES!!!!!***

***(Kantis MIA, laŭ modelo de FODOSO, melodio: Liberec' aŭ mort')***

### EĤOJ DE LA KONGRESO DE OTTIGNIES L.L.N.

Multajn dankojn al la kuiristinoj pro iliaj bonaj zorgoj pri la kongresanoj. Siavice ili dankas al gekongresanoj pro ilia malavara mondonaco.

Bedaŭrinde, pro cirkonstancoj sendependaj de nia volo ni ne povis provizi manĝon al tiuj kiuj ne uzis plenan pensionon.

La OKK multe dankas al tiuj, kiuj helpis nin ĉu multe, ĉu malmulte dum la kongreso.

Ni multe ŝatis la teatraĵon prezentitan de s-inoj Falk kaj Castiau. Ankoraŭfoje dankon al ili ambaŭ.

Pluraj el niaj gekongresanoj falis teren, sed ni esperas ke nun ili resaniĝis same kiel Klementino.!!!

Malgraŭ iuj malfacilaĵoj pro nesufiĉe granda OKK-teamo, ni esperas ke ĉiuj el la kongresanoj bone manĝis, bone tranoktis, bone ekskursis kaj bonfartis en tradicia etoso de niaj SAT-kongresoj.

Ni estis feliĉaj akcepti diversaĝajn personojn inter 2-jara Markov Flora el Francio kaj 95-jara Wim Gelderman el Nederlando.

Al ĉiuj SAT-membroj el nepagipovaj landoj ni deziras diri, ke malgraŭ niaj klopodoj, ne estis eble inviti pli da homoj ol ni faris.

Ni deziras bonan sukceson al la venonta SAT-Kongreso.

*Magy Herman, Ferdinand Simon, Guy Vanderputten kaj Clémentine Staquet*

### SAT EN PLOVDIV

Fine de 1990 Esperanta domo de kulturo (E.D.K.) en PLovdiv, Bulgario, fariĝis membro de SAT. Komence de nuna jaro ni ricevis Sennaciulon. Dum aprilo en la domo estis organizita "Vespero de SAT". La ĉeestantoj konatiĝis kun la Statuto, Adresaro kaj la revuo. Unufoje monate oni ricevas novajn revuojn kaj en la domo oni organizas trarigardon de la gazetaro. La freŝa numero de Sennaciulo ĉiam ĉeestas. La biblioteko de EDK ankaŭ proponas al la legantoj la revuon "Senanciulo".

Intereso pri SAT kreskas en Plovdiv. La grupo de SAT-anoj jam estas sufiĉe granda kaj estonte ĝi certe pligrandiĝos.

Ni ĝojus se ni ricevus pli multe da materialo pri kaj por SAT-agado. Eble oni povus pripensi por organizi filion de SAT en Bulgario.

*Vladimir Ĵelev, prezidanto de EDK-Plovdiv*

PREPARU VIN JAM NUN KAJ FRUE ALIĜU AL LA 65-A KONGRESO DE SAT EN KAUNAS, LITOVIO.